50 Num. ★ Madrido - Julio - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



## TRI JARCENTOJ POST HISTORIA DRAMO

La 21-an de Junio memoris la ĉefurbo Praha la tricentjaran datrevenon de kruela ekzekuto de 27 distingindaj Ĉekoj. La floro de tiama eminentularo fariĝis en tiu sanga tago de la jaro 1621 viktimo de la Granda Aŭstrio kaj de la religia kontraŭ-reformo sonĝata de Habsburgoj. La venko super Ĉekoj sur Bílá Hora (Blanka Monto) apud Praha la 8-an de Novembro 1620 estis tre konvena momento por labori kun la loĝantaro de Bohemujo en paco kaj sur bazo de reciproka kompreno, sed la malamikoj de la sendependeco de Bohemujo kaj la persekutantoj de ĝia religia reformo sekvis alian celon: ili volis sklavigi la landon, malaperigi la reformajn tendencojn kaj ekstermi la tutan nacion.

Laŭ kompetenta franca historiisto Ernest Denis la malamikoj de Ĉekoj decidiĝis penetri ĝis la interno de la nacio por elŝiri



TURO DE LA PONTO DE KAROLO IV. EN PRAHA

ĝian kredon el la radiko mem. Bohemujo, senkapigita senglave, suferinta dum du jarcentoj la plej teruran despotismon religian kaj politikan, ĉesis ludi sian rolon inter la nacioj sendependaj. La katolika reakcio estis nenie tiom kruela kaj malbonsorta kiel tie, ĉar regantoj nekapablaj direktis ĝian laboron.

La unua pruvo pri tiu eksterordinara kaj nehoma furiozeco kontraŭ la ĉeka nacio estis la tragedio sur la placo antaŭ la Urba Domo; la rafineco de kruelajoj kun la teatreca scenigo de la terura akto vidigas klare la projektojn de la reakcio kaj de la movado kontraŭ-reforma. Kelke da maljunuloj estis senkapigitaj, inter ili unu 86-jara; la kapoj de la viktimoj estis pendigitaj dum dek jaroj kiel advertilo ĉirkaŭ la tegmento de la turo ĉe ponto de Karolo IV. en Praha; al unu de la kondamnitoj oni trancis la man-



PANORAMO DE LA KVARTALO HRADĈANY

on antaŭ la senkapigo, al alia (doktoro Jesenius, fama kuracisto, kiu la unua faris operaciojn anatomiajn) oni eltranĉis antaŭe la langon, alia restis dum du horoj najlofiksita je lango kontraŭ la pendumilo ktp.

Ĉi tiuj ekzekutoj kaj la sekvintaj konfiskoj de havaĵoj kaj bienoj, kiuj reprezentis pli ol 2|3 de Bohemujo, plene koincidis kun konsilo eldirita de kapuceno Sabinus en unu el predikoj antaŭ Habsburgo Ferdinando II: «Frakasu ilin per fera stango, dispecigu ilin kiel terpotojn.» Ferdinando II, fidela disciplo de jesuitoj, sekvis la konsilon. Li daŭrigis la verkon de malamo ĝis la fino, liverinte la bohemajn landoj kvazaŭ rabakirajon al multenombraj aventutuloj venantaj el la tuta Eŭropo por ke ili rabu kaj per helpo de ĉiaspeca krimo sin riĉigadu (*).

La morto de la martiroj signifis finon de la nacia sendependeco, sed ne de la nacio mem. La memoro je viktimoj, estingita dum la periodo de kontraŭreformo, vekiĝis pli malfrue, instigante la nacion, por ke ĝi reakiru sian perditan liberecon kaj tiu ĉi tasko estis realigita sur fundamento plene demo-

(*) Tiuj favoritoj de Habsburgoj estis krom tio eminentigataj per novaj titoloj de nobeloj kaj iliaj posteuloj tenis la bienojn herede akiritajn dum plenaj tri jarcentoj. Iliaj titoloj kompreneble malaperis la saman momenton, kiam la nacio reakiris en la jaro 1918 sian liberecon; la bienoj estas nun de la Respubliko reaĉetataj (!) de la posedantoj, kies antaŭuloj senrajte estis ilin akirintaj.

kratia: la novaj martiroj ĉekoslovakaj, kiuj mortis pro la dirita idealo per mano de militanta Aŭstrio, estis homoj el la popolo; la nobelaro ĉeka ne ekzistis plu; la nobeloj, kiuj ne pereis per glavo de ekzekutisto en la jaro 1621, estis elpelitaj el la lando se ili ne volis subiĝi al la movado kontraŭ-reforma. La nacio tre bone komprenas la intiman rilaton. kiu ekzistas inter ĝia lasta revolucio kontraŭ-aŭstria kaj la revolto de Bohemujo en la 17-a jarcento. La ĉekoslovaka nacio vidas klare, ke la venko de ĝia malamiko Ferdinando II super ĝi estis ebla precipe pro la interna divido de la loĝantaro—evoluo de la feŭdalismo unuflanke kontraŭ vasaligo de kamparano aliflanke. Tial la rekonstruo de la malnova ŝtato devis esti hodiaŭ bazita sur principo de demokratio, garantizanta per socia justeco kaj egaleco ĝian perfektan internan unuecon.

La Ĉekoslovakoj neniam forgesos la martirojn, kiuj antaŭ la urba domo en Praha verŝis sian sangon pro la antikvaj rajtoj de Bohemujo. Ili ankaŭ neniam forgesos siajn ekzekutistojn, kiuj sufokadis ilian patrujon dum jarcentoj kaj atendis la okazon por ekstermi kaj sklavigi la tutan nacion. Ili ĉiam gardostaros kontraŭ la multcentjaraj malamikoj, por malhelpi iliajn atencojn je libereco kaj sendependeco freŝdate akiritaj.

*Ed. Kühnl.*—Madrid.

---

## Al la Hispana Esperantistaro

La sukceso de nia Kunveno en Zaragozo ne estu laŭroj sur kiuj ni nin kuŝigos por dormi; la sukceso postulas pli viglan kaj aktivan laboron por ke la samideanoj de Madrid-Pardo organizu la I.an Kongreson kaj ĉi tiu mirigu kaj interesu definitive la Registaron kaj la Publikon, por ke la neesperantistoj konsciu pri la graveco de Esperanto. De nun mem, Federacioj, Grupoj, Societoj, kaj ĝenerale ĉiuj Esperantistoj, laboru senĉese al tiuj celo kaj realigo de la konkludoj de Dudkeilo. Federacioj, Grupoj kaj Societoj (1), tuj devos nomi la reprezentantojn por formi, kun la Komitato organizinta Dudkeilon, la Komitaton, kiu definitive starigos la Iberian Konfederacion Esperantistan.

Certe ni havos por la I.a rabaton por la vagonaroj same, kiel ĉi tiu jaro, kaj kiel Madrido estas alloganta urbo pro siaj famaj muzeoj; centra urbo, kaj tiel pli facile trafota, kaj de kiu oni povas ekskursi al proksimaj urboj, kiel Toledo, Avila, Segovia, Escorial, k. c., plenaj je artajoj, certe estos grandega la intereso por ĉeesti la I.an

Estas rekomendinde, ke kiam la samideanoj de Madrid-Pardo ekfunkciu, Esperantistoj, ĉiuj, aliĝu kiel eble plej multenombre, kaj ne lastamomente; konsciu, ke mono estas necesa por bona sukcesigonta organizado de la Kongreso. Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos cirkulerojn kaj aliĝilojn. Helpu samideanoj! Aliĝu tuj kaj amase! Antaŭen kun entuziasmo kaj plena espero!

(1) Grupoj aŭ Societoj, kiuj estas sendependaj.

---

# Festeno en la Kampo

(EL JOSE IGLESIAS)

Debajo de aquel árbol
De ramas bulliciosas...

Sub la branĉoj de la arbo
Kies foliaron movas
Milda spiro de l' zefiro,
Kiu bonodore blovas,

Kie najtingalo kanta
Kun dolĉegaj triloj sidas,
Kie fonto murmuranta
Kvazaŭ plendas, kvazaŭ ridas,

Super freŝaj rozoj metu
Nian tablon amantino,
Metu la pokalon plenan
Plenan de bongusta vino;

Kaj mi gaje, por la sano,
Trinkos en soif' ebria,
Sen ĉagrenoj, zorgoj, penoj,
Sen afliktoj, timo ia;

Dume, en kastelo sia,
Manĝas iu grand-sinjoro,
De flatistoj ĉirkaŭite,
Kum mil zorgoj en la koro.

*Antoni Grabowski*

4-V-1919.

# LA KREITAĴARO

*(Verkita de Ricardo León el la Reĝa Hispana Akademio)*

Kia granda miraklo estas la lumo!

De kie ricevas ĝin tiuj lumastraj?... Kiom da mirindajoj!...

Do, kiel trolaŭdi la novecon kaj la brilon de ĉi tiu granda teatro de la Tero, de ĉi tiu troriĉa domo de la homo, ornamita de granda diverseco de tapiŝoj, elpendajoj, kaj vestaĵaro, beligita de tiom da juveloj, baldakenoj, speguloj, lumoj kaj belegaj ornamoj?... Kia majesteco estas tiu de la arboj; kia beleco estas tiu de la kamparo; kia odoro estas tiu de la ĝardenoj; kia muziko estas la trilo de la birdoj; kian amason da formoj, koloroj kaj harmonioj dislokis sur ĉi tiun pentraĵon la graco de la dia peniko!... Kiel ridas la akvo kaj kiel ridas la suno kaj ĉiuj objektoj de l' mondo! Ĉu ne estas miraklo ĉio kion ni vidas?... Surgenue ni devus resti por ĝin admiri plene kaj por tre laŭdi la Sinjoron kaj la Patron de tiom da beleco!

Tradukis *E. L.*

# JESUO LAŬ LA KORANO

*(Daŭrigo.)*

27. Diru al li: «Mi oferis junulon al Kompatemulo, hodiaŭ mi parolos al nenia homo.»

28. Ŝi iris ĉe sia familio kun la infano sur siaj brakoj. Oni diris al ŝi: «Ho, Mario! Vi farís strangan agon.

29. Ho, fratino de Aaron! Vía patro ne estis malbonulo; nek via patrino, malĉasta virino.»

30. Mario montris la infanon per la fingro «kiel, ili diris, ni parolos al suĉa infano?»

31. «Mi estas la servanto de Dio -diris Jesuo—. Li donis al mi la libron kaj igis min profeto.

32. Li volis, ke mi estu benata, kie ajn mi estu. Li ordonis min preĝi kaj almozdoni dum mi vivos,

33. Ke mi estu pia kun mia patrino. Li ne permesos, ke mi estu malbona, nek malobeema.»

34. «Tiu estis Jesuo, la filo de Mario, por paroli la parolon de la vero. Tiu pri kiu ne estas duboj.»

### Jesuo ne estis Dio

Ĉapitro V. Vers. 76.—Malfidela estas tiu, kiu diras «Dio estas la Mesio, filo de Mario». Ĉu la Mesio mem ne diris pri si: «Ho, Izraelidoj! Adoru Dion, kiu estas mia Sinjoro, kaj la via?» Al ĉiu, kiu akompanigas Dion kun aliaj dioj, Dio malpermesos la eniron al la ĝardeno kaj lia hejmo estos la fajro. Malbonuloj jam ne ricevos helpon.

77. La Mesio, filo de Mario, nur estas apostolo. Aliaj apostoloj venis antaŭ ol li. Lia patrino estis justa. Ili manĝis (tio estas, ili ne estis dioj). Vi ja vidas, kiel ni klarigas tiujn signojn, kaj kiel ili (la Kristanoj) forlasas ilin.

### Li estis nur homo

Ĉapitro V. Vers. 110.—(Dio diros al Jesuo dum la tâgo de la Fina Juĝo): «Mi ler-

nigis al vi la libron kaj la scion, la Pentateŭkon kaj la Evangelion; vi igis el koto figuron de birdo kun mia permeso; vi elirigis la mortintojn el iliaj tomboj kun mia permeso. Mi ŝirmis vin kontraŭ la manoj de la judoj. Meze de la mirakloj kiujn vi faris antaŭ iliaj okuloj, la nekredantoj ekkriis: «Tio estas nur magio.»

Ĉapitro XLIII. Vers. 59. Jesuo nur estas servanto, al kiu ni sufiĉegdonis niajn favorojn, kaj kiun ni prezentas, kiel ekzemplon, al Izraelidoj.

63. Kiam Jesuo venis ĉe la homoj kun siaj signoj, li diris: «Mi alportas al vi la saĝon kaj venas por klarigi al vi tion, pri kio vi disputas. Do, timu je Dio kaj obeu min.

64. Dio estas mia Sinjoro kaj la via; adoru lin. Jen estas la vera vojo.»

Ĉapitro IV. Vers. 169.—Ho, vi, kiuj ricevis la skribaĵojn! En via religio ne troigu, ne diru pri Dio tion, kio ne estas vero. Mesio, Jesuo, filo de Mario estas la apostolo de Dio; kaj lia Verbo, kiu enspiris en Mario, estas spirito devenanta de Dio. Kredu pri Dio kaj liaj apostoloj, sed ne diru: «Estas triunuo». Ne faru tion plu. Dio estas sola. Gloro al Li! Kiel li povas havi filon? Al li apartenas ĉio, kio estas en la ĉielo kaj sur la tero. Lia favoro sufiĉas. Estas sufiĉe, ke Dio estu via patrono.

170. La Mesio ne rifuzas esti la servanto de Dio, kiel same ankaŭ la anĝeloj, kiuj alproksimiĝas al Dio.

Ĉapitro V. Vers. 77.—Malfidela estas tiu, kiu diras: «Dio estas la tria de la triunuo», ĉar ne estas alia Dio ol Dio mem.

### Li estis profeto

Ĉapitro XII. Vers. 81.—Ni donis al Moseo la libron de la leĝo, kaj ni sendis post li aliajn profetojn. Ni donis al Jesuo, filo de Mario, klarajn signojn pri lia rolo, kaj ni fortigis lin per la spirito de la sankteco...

254. Ni levis la profetojn, unuj super la aliajn. Plej levigataj estas tiuj, kiujn Dio parolis. Ni sendis Jesuon, filon de Mario, kun evidentaj signoj kaj ni fortigis lin per la spirito de la sankteco...

Ĉapitro V. Vers. 50.—Post la ceteraj profetoj, ni sendis Jesuon, filon de Mario, por certigi la Pentateŭkon. La Evangelio enhavas ankaŭ la gvidon kaj la admonon por tiuj, kiuj timas Dion.

Ĉapitro VI. Vers. 85.—Zakario, Yahia (Sankta Johano) Jesuo kaj Elio, ĉiuj estis justuloj.

Ĉapitro XXIII. Vers. 52.—Ni faris el la filo de Mario kaj el lia patrino signon por la homoj. Ni donis al ambaŭ por hejmo altan trankvilan lokon kun sufiĉegaj fontoj de akvo.

Ĉapitro LVII. Vers. 27.—Ni sendis post ili aliajn apostolojn kiel Jesuon, filon de Mario, al kiu ni donis la Evangelion; ni metis sur la korojn de la apostoloj, kiuj sekvis ilin, la doloron kaj la kompaton; poste ili elpensis la monaĥan vivon.

Ĉapitro LXI. Vers. 6.—Jesuo, filo de Mario, diradis: «Ho, Izraelidoj! Mi estas la apostolo de Dio, sendita al vi por certigi la Pentateŭkon donita al vi, kaj por anonci al vi, ke venos post mi profeto nomota Ahmed (Muhammad)» kaj kiam Jesuo vidigis al ili evidentajn signojn, ili diris: «Tio estas vere magio.»

Ĉapitro XXXIII. Vers. 7.—(Dio diras al Muhammad): «Memoru, ke ni traktis kun la profetoj kaj kun vi, kun Nohao, kaj Abrahamo, kaj Moseo, kaj Jesuo, filo de Mario. Ni formis fortan kunligon.

### La miraklo de la tablo

Ĉapitro V. Vers.111. Kiam mi (Dio) diris al apostoloj: «Kredu min kaj mian sendaton» ili diris: «Ni kredas kaj vi estu certa, ke ni nin submetas sub via volo.»

112. «Ho, Jesuo, filo de Mario! —diris la disciploj —Ĉu via Sinjoro povas sendi el la ĉielo provizitan manĝo-tablon?» Kaj Jesuo respondis «Timu la Sinjoron se vi estas fidelaj.»

113. Ili diris «Ni deziras sidi kaj manĝi; tiam niaj koroj trankviliĝos, ni sciiĝos, ke vi predikis al ni la veron kaj ni atestos favore je vi.»

114. Jesuo, filo de Mario, preĝis: «Dio, nia Sinjoro, sendu el la ĉielo provizitan tablomanĝon, kiu estos festeno por la unua kaj la lasta el ni, kaj signo de via povo. Nutru nin, ĉar vi estas plejbona nutrodonanto.»

115. Tiam la Sinjoro diris: «Mi ĝin sendos, sed ve!, al kiu post tiu miraklo ne kredu! Mi preparas por li plej teruran punon el preparitaj por ia kreitajo.»

**Jesuo ne estis mortkondamnata**

Ĉapitro IV. Vers. 115. - Ili (la judoj) ne kredis la dirojn de Jesuo kaj elpensis kontraŭ Mario grandan mensogon.

156. Ili diras: «Ni mortkondamnis Mesion, Jesuon, filon de Mario, senditon de Dio.» Ne ili ne mortigis lin, ili ne krucumis lin; ia viro, tre simila je li, anstataŭis lin, kaj tiuj mem, kiuj disputis pri la anstataŭo, dubis. Ili ne estis certaj, ili nur opiniis. Ili ne mortigis lin. Dio levigis lin al si, kaj Dio estas saĝa kaj ĉiopova.

Tradukis el hispana eldono de ia Korano,

*F. Redondo*

Tetuán (Maroko) - Majo - 1921.

---

# REVENO

(ELEGIO)

Estis peza l' irad', longa la vojo,
ĉar fine min atendis viaj brakoj
kaj, per dolĉa rigard', viaj okuloj.

Estis peza l' irad', longa la vojo,
ĉar mi surpotis sur la lacaj ŝultroj
la pezon min movadi malkviete
en silenta solec': kaj miaj lipoj
pro soif' konsumitaj, miaj brakoj
sen kunpremota am', miaj okuloj
kiel flugantaj birdoj, bezonantaj
la hejman ripozejon de la nesto.

Ĉielo bolis el serena lumo
sen timo ĝin elĉerpi. Unu post unu,
kiel aro da knakoj, tute pretaj
komenci rapidegan movdancadon,
mi preterpasis l' arbojn sur la vojo
de mi ne forgesitajn; mi rigardis
la forlasitajn domojn, kaj la verdajn
trunkojn de la arbustoj, kaj la ŝtonojn
kronitajn de la sun'! Kaj mi perdita
inter ili, kun ili kaj en ili.
Estis peza l' irad', longa la vojo!

¡Salut' al vojoj kiujn ŝi trairas!
¡Salut', vizio de l' loĝejo ŝia,
dolĉa kiel lu frukto jus pendanta
en la interno de la ama arbo!

¡Saluton al vi ĉiuj kaj por ĉiuj
la amo kaj la ben'! El vi mi vidas
fali sur mian frunton malfeliĉan
kompatplenajn rigardojn; en l' aero
super vi flosas la deziroj kiuj
mian spiriton serĉas... Bona mondo,
bona movo de arboj, bona bruo
de insektoj kaj birdoj kaj abeloj:
benon al amo kiu movas ĉiujn!

¡Benon al vi!... kaj ke vi restu ĉiam
kunigitaj amike, lumaj, plenaj
de tiu mola gastemec' al amoj
pro kiu vi nobliĝas! Al vi benon!
ĉar ĝis atingi ŝian blankan domon,
ĝis vidi ĝin kun la rigardo ĝoja,
kiel la luman teron dum tagiĝo,
estas peza l' irad', longa la vojo!

Ŝi venos min akcepti kun l' okuloj
plenaj de bonvolemo, kun la brakoj
dezirantaj min preni kaj la kapo
klinata ame sur la ŝultroj miaj,
kiel flor' bezonanta muskfreŝecon;
kaj ĝis eniĝo en spirito ŝian

por ĝin posedi kaj ĝin fari mia,
kaj ĝis reven' en la patrinan teron,
kaj tremadi konstante en la lumo
kiel nebul' aŭ flamo aŭ muziko,
estas peza l' irad'. Longa la vojo!

*Eduardo Marquina*

Tradukis el hispana lingvo,

*Jaume Grau*

---

# IAJ FAMAJ HISPANOJ

Kiam oni parolas pri hispanaj gloroj oni pensas ĝenerale nur pri la kristanaj, kiel se, dum epokoj kiam Hispanujo ne estis kristana, ne estus citindaj okazintajoj kaj famaj viroj. Kaj tamen ili estas.

Krom la sieĝoj de *Sagunto, Astapa, Numancia* kaj *Calahorra*, kies loĝantoj batalis tiel heroe, ke ankoraŭ ni admiras ilin; krom la filozofo *Seneca*, el Cordoba, la militistoj *Indivil, Mandonio* kaj *Viriato*, k. t. p., kiuj vivis antaŭ ol Jesuo Kristo, ni povas citi multajn aliajn.

Jen kelkaj hispanoj el araba epoko, multtaj el ili forgesitaj, tial ke ili estis hebreoj aŭ araboj.

ARABOJ:

*Almanzor.*—Naskita en Torosch (apud Algeciras, provinco Cádiz) en 939ª. Mortinta en batalo Calatañazor, en 1002.ª Plej fama kaj sperta militisto de la arabaj armeoj. En Córdoba li amikiĝis kun poetoj, scienculoj kaj literaturistoj. Lia palaco estis kvazaŭ akademio ĉiam malfermata por ĉiulandaj scienculoj. Li starigis universitaton, kie nur instruis famaj profesoroj; li persone vizitadis la klasojn, sidis inter la lernantoj, kaj ne permesis, ke, pro sia eniro, oni interrompis la lecionojn. Li premiadis la profesorojn kaj lernantojn, kiuj tion meritis. Dank' al li progresis la literaturo kaj sciencoj, precipe la medicino. La historiisto Lafuente diras pri li: «grava politiko, saĝa ministro, fama militisto, li estis la Aleksandro, la Aníbal, la Cezaro de la hispanaj araboj».

*Aben-Al-Hadsé.* N. en Córdoba en 988.ª kaj mortis en Sevilja en 1075.ª Li multe vojaĝis kaj ĉie lasis pruvojn de sia scio kaj virto. Li estis afabla protektanto de la malriĉuloj, kaj oni bedaŭris tiom lian morton, ke la reĝo mem iris piede al entombigo.

*Aben Atab.* - Li estis unu el pli famaj juĝistoj de sia epoka. Li n. en Córdoba en 983.ª kaj m. en 1069. Lia scio estis granda, kaj ĉiuj konsultis lin, kiu montris en siaj sentencoj grandajn sagacon kaj aplombon. Li estis modesta kaj humila, rifuzis ĉian vantecon, eĉ sur la vesto.

*Aben-Assirrach.* – Grava poeto kaj kuracisto. El Toled'a familio, li naskiĝis en Granada en 1256.ª kaj mortis en 1329.ª Li estis vera patro por la malriĉuloj, alportis al iliaj kabanoj kuracon kaj almozon kaj dediĉis al ili la trionon de siaj rentoj. Li estis kuracisto de la reĝo kaj verkis multajn librojn pri medicino, kaj aliajn pri sonĝoj.

*Abu-Hayyan.* – Li naskiĝis en Granada en 1256.ª kaj mortis en 1344.ª Li tiel famiĝis dum sia juneco, ke oni nomis lin «la princo de la gramatikistoj». Li estis en Kairo (Egiptujo) profesoro de gramatiko, malgraŭ sia forta hispana akcento, kaj oni tre estimis lin pro lia bona karaktero kaj eleganteco de lia parolmaniero. Li verkis pli ol kvindek librojn.

*Abdallah-ben-Mohamed.* – Li naskiĝis en Canjiar (Guadalajara provinco), kaj mortis en Ceuta en 1194.ª Fama geografiisto, li traveturis Hispanujon, Nordafrikon kaj Abisinon, serĉante librojn kaj eksterordinarajn dokumentojn kaj formis bibliotekon valoranta tridekmil dinarojn (ora monero).

*Aben Said el Mogrebi.* - Li n. en Alcalá la Real (provinco Jaén) en 1210.ª Li vojaĝis tra Maroko, Tuniso, Egiptujo, Bagdad kaj Damasko, kaj ĉie oni admiris lian saĝecon kaj

sinceran karakteron. Li verkis pli ol kvarcent librojn pri geografio, historio kaj literaturo.

*Abu Mohamed Abdallah.*—Li n. en Málaga en 1160. Dudekjara. li klarigis en Granada retorikon, kaj poetikon, kaj neniu superis lin pri kono de arabaj lingvo kaj literaturo. Li havis tiel grandan memoron ke nur dum dudekkvar horoj li lernis la tutan araban metrikon kaj verkis pri ĝi legindan resumon. Krom tio, li havis tiel noblan kaj afablan karakteron, ke ĉiuj estimis kaj respektis lin.

*Mohamed ben Amed Albacuthi.* - Saĝulo de la XIII.ª jarcento. Li sciis filozofion, kuracarton, matematikon kaj filologion. Kiam la reĝo de Aragón almilitis Murcion, li nomis Mohamed'on profesoro kaj ĉi tiu klarigis tie lingvojn al kristanoj, hebreoj kaj araboj sendistinge.

*Abu Zakaria Yahia.*—Li n. en Sevilja je la mezo de la XII.ª jarcento. Lia ĉefa verko «Libro pri agrikulturo» estas plej grava verko pri tia afero en Hispanujo dum la Mezepoko. Oni traktas en ĝi pri la grandaj progresoj faritaj de la arabaj terkulturistoj, pri la tiama fruktodona tero de Andaluzio, kaj pri la ebleco subteni la multenombran loĝantaron tiaman.

HEBREOJ

*Moisés Abragel.* Li vivis en Maqueda (provinco Toledo) en la XV.ª jarcento. La Komandoro de Calatrava, D. Luis de Guzmán, komisiis lin traduki la Sanktan Biblion al hispana lingvo, kun la helpo de la monaĥo Arias de Encina. La komentarioj de la traduko estas tre racionalistaj, sed kiam ia opinio povas ofendi la religiajn ideojn de la kristanoj, li avertas tion, kaj li ne laboris por fari prozelitojn. Li estis unu el pli famaj saĝuloj de sia tempo, kaj lia verko tre honoris la nomon de Hispanujo.

*Moisés de León.* – Filozofo, kiu naskiĝis en León. Li mortis en Arévalo (provinco Avila) en 1305. Li verkis la faman libron «Zohar».

Kolektis kaj tradukis,

F. R.

Tetuán, Majo 1921.ª

---

# Kiel ni akcelos alprenon de Esperanto?

(*Ne per entuziasmo; sed per* **fakista** *agado!*)

En la lasta numero de HISPANA ESPERANTISTO mi legas proponon pri propagando, kaj sinj. P. Llano kredas ke per ĝia efektivigo ni baldaŭ kaj certe atingos la simpation de la tutmonda komercistaro. Permesu al mi, diri, ke tiu certe bonintencita plano faros fiaskon, kiel multaj similaj ĝis nun. Kial? Ĉar la valoro de la propagando ne kuŝas en la entuziasmo kaj persona oferemo de la propagandanto: sed en lia profesia pozicio kaj en la maniero, kiel oni faras la propagandon!

Se botisto aŭ tajloro, se instruisto aŭ profesoro venos ĉe komercisto, por konvinki lin pri la valoro de Esperanto por komercaj aferoj, ili neniam aŭ nur tre malfacile sukcesos. Sed se komercisto iras al komercisto, tiam ili pli rapide harmonios unu kun la alir, ĉar ili estas kolegoj kaj ambaŭ profunde konas la teknikon komercan.

Tute ne akceptinda estas la propono, ke Esperantaj Grupoj petu la industriistojn kaj komercistojn, reprezenti iliajn komercajojn! Efektive, ne estas la tasko de «Esperanta Grupo» ĝenerala, fari komercadon. Tio estus enmikso en aferojn, kiuj neniel apartenas al la celo de Esperanta grupo. Ni lasu la komercon al la komercistoj. Tial estas pli bone, ke Esperantisto, kies profesio estas komercado, serĉu la reprezentadon de tiaj firmoj kaj per praktika laboro, montru la valoron de la komuna komerca lingvo.

Cetere, la propagando de Esperanto ĉe la komercistaro estas jam bone organizita.

Ekzistas en multaj landoj «komitatoj por la komuna komerca lingvo» (aŭ similaj organizaĵoj), kies membroj estas samprofesianoj, ĉar ili profesie laboras en la komerca aŭ industria mondo. La celo de tiuj *fakaj* organizaĵoj estas: propagandi Esperanton ĉe la samfakanoj, kaj instigi al praktika uzado de Esperanto.

Alia entrepreno estas la *Internacia Komerca Revuo*, kiu jam aperas en la dua jaro. Ĝi estas absolute faka organo, kiu «per Esperanto» servas al la tutmondaj komerco, industrio kaj ekonomio. Ankaŭ ĝi estas la internacia centro de la tuta komerca propagando.

Bedaŭrinde tiuj faktoj estas ankoraŭ tro ofte ignorataj de la ĝenerala Esperantistaro. Estas malnova vero, ke la forto de ĉiu movado, kuŝas en la *solidareco* de ĝiaj anoj. Tial mi skribis ĉi-tiujn liniojn kaj esperas, ke per ili mi vekis la atenton de tiuj, kiuj ĝis nun ankoraŭ nenion sciis pri nia bone organizita komerca movado. Tiu movado sukcesos, se ĉiuj, kiuj estas interesataj en ĝi, lojale kunhelpos. Nia devizo estas: *koncentrigi* la fortojn, ne disigi ilin!

Interesuloj ricevos senpagan specimenon de la «Internacia Komerca Revuo», skribante al ĝia administrejo en *Zürich* (Svislando), Centra Poŝtfako 6104.

Hj. *Unger*, Zürich.

---



# VIII.[aj] Internaciaj Floraj Ludoj

La organizintoj de la V.[a] Internacia Kongreso de Esperanto en Barcelono (1909) prave opiniis, ke Esperanto multe povus gajni se oni enkondukus en nia movado la Florajn Ludojn, kaj ili tion faris okaze de la supredirita kongreso. Bedaŭrinde, la festo ne tute enradikiĝis en la esperanta vivo, eble ĉar oni konsideris ĝin kiel plian literaturan konkurson kaj ĝia *interna ideo* estis nekomprenata de multaj.

«Oni ne komprenis - diris nia kara amiko S-ro Pujulá en sia parolado dum la II.[aj] Floraj Ludoj - ke en tiu festo la boneco de la verkoj estas konsiderinda, sed ne la ĉefa afero; ke la pli-malpli granda riĉeco de la premioj estas tute flanka detalo, kiu ne povas aŭ ne devas naski emocion; oni ne komprenis, ke la objekto de ĝia celo estas la komunio de Popolo kaj Poeto ĉirkaŭ la altaro de Beleco kaj Poezio.»

Efektive, tia estas la festo. Oraj kaj arĝentaj floroj estas la ordinaraj premioj; el tio devenas la antikva nomo de FLORAJ LUDOJ. Tamen la plej grava el la premioj estas natura floro kiu rajtigas la gajninton elekti Reĝinon de la Festo. Ni konservis tiun ĉi premion en la esperantaj Ludoj ĉar oni ne povas donaci premion pli valoran por la spirito ol floro oferota al fraŭlino kaj ŝin igante simbolo de la Beleco en festo de Poezio.

Imagu nun la feston. La plej bela salono de la urbo ornamita per flagoj kaj girlandoj. La enurbaj aŭtoritatuloj kaj la juĝintaro eniras en ĝin por prezidi la feston kiun malfermas la urbestro. La nomo de la laŭreato per la natura floro estas laŭte sciigata kaj la gajninto, akompanata de ĉiuj eminentuloj, eliras por alkonduki la Reĝinon elektitan. Ŝi eniras de la brako de la poeto, sekvata de Kortego de Amo konsistanta el kelkaj fraŭlinoj same kondukataj de la aŭtoritataj moŝtoj, dum ludas marŝon muzikistaro kaj aplaŭde salutas la publiko. La Reĝino okupas sian tronon kaj la poeto legas la pre-

miitan verkon. Siavice estas alvokataj ĉiuj gajnintoj kiuj ricevas la premiojn de la manoj de la Reĝino kaj la festo finiĝas per altsenca parolado de la Prezidanto. Kun la sama soleneco kiel por la eniro la Reĝino kaj Kortego forlasas la salonon.

Jen rapide priskribitaj la festo kaj ĝia celo. La Kataluna Esperantista Federacio» kredis ke estus domaĝe ke tiu festo malaperu el la esperanta movado kaj prenis sur sin la taskon organizi jam sep konkursojn. Ili donis al ni sufiĉe bonajn verkojn por nin konvinki ke ni estas sur bona vojo.

La nunan jaron, ĝi organizas la VIII.ajn Florajn Ludojn laŭ la sekvantaj reguloj. Ni esperas ke la sukceso estos pli granda ol la antaŭaj tial ke la malhelpaĵoj de la militaj tempoj malaperis kaj tio permesos ke nia festo estu partoprenata, krom de la katalunaj, de multnombraj eksterlandaj samideanoj, kio igos la nunajn Florajn Ludojn plene internaciaj.



Al la esperantistaj verkistoj:

La Komitato de la VIII.aj Internaciaj Floraj Ludoj vin salutas kaj invitas partopreni en la jenaj konkursoj:

### ORDINARAJ TEMOJ

*Originalaj tekstoj:*

I.—Originala versaĵo kantanta *Amon*.

II.—Originala *Ama* verko en prozo.

*Tradukitaj tekstoj:*

I.—Traduko de la kataluna versaĵo «El Misteri de la Prada», originale verkita de Joan M.ª Guasch (Vidu la Martan numeron de K. E.)

II.—Traduko de la kataluna prozaĵo «L'Escarment» originale verkita de Josep Carner (Vidu la Martan numeron de K. E.)

### EKSTERORDINARAJ TEMOJ

I.—Premio de Deputita Moŝto D-ro Narcís Plá i Deniel konsistanta el 100 pesetoj, al la plej bona verko priskribanta popolan tradicion.

II.—Premio de la Grupo «Semo» de «Ateneu Enciclopédic Popular»: 25 ptoj. al plej bona traduko de la artikolo de D. Martí i Juliá «La Patria Universal».

III.—Premio de la Grupo «Barcelona Stelo»: 50 ptoj. al plej bona teatraĵeto taŭga por propagando.

IV.—Premio de la Societo «Nova Sento»: 50 ptoj. al la plej bona versaĵo adaptebla je muziko, inspirita laŭ la «interna ideo», taŭga kiel himno de la Societo «Nova Sento». Ĝi devos konsisti el 2 strofoj enhavantaj 12 liniojn ĉiu.

V.—De «Unió Deportiva», el Girona. Premio: 100 pesetoj. Temo: «Sporto». (La premiita verko iĝos propraĵo de «Unió Deportiva».)

VI.—De S-ro Casiá Costal, Direktoro de la «Normala Lernejo por Instruistoj» el Girona. Premio: 25 ptoj. Temo: Verko pri la infana psikologio.

VII.—De Lia Moŝto Markizo de Camps. Premio: Artobjekto. Temo: Laŭvola.

VIII.—De la Grupo «Ĝerona Espero». Premio: 50 ptoj. Temo: Versaĵo al la arbaro «La Devesa» el Girona.

IX.—De la Societo «Marte», el Girona. Premio: Artobjekto. Temo: Laŭvola.

X.—De Lia Moŝto Vicari Capitular de Girona. Premio: 50 ptoj. Temo: Kolekto de fidindaj sciigoj pri la Katolika esperanta movado en la mondo.

XI.—De la Moŝta Katedrala Kanonikaro, el Girona. Premio: 50 ptoj. Temo: Ritma traduko de la latina himno de Pentekosto «Beata nobis gaudia», laŭ Breviarium Romanum.

XII.—De la Rektora Moŝto kaj Klaŭstro de la Tridentina Seminario de Girona. Premio: 50 ptoj. Temo: Enkonduko de Esperanto en la pastrajn seminariojn.

XIII. De «Grupo Escolar», el Girona.

Premio: 25 ptoj. Temo: Esperanto kiel rilatigilo ĉe la internacia studentaro.

XIV. De la «Unión Gremial y Patronal», el Girona. Premio: 30 ptoj. Temo: Grava utileco de Esperanto por la Komerco.

XV. De «Coliseo Imperial», el Girona. Premio: 25 ptoj. Temo: Laŭvola.

XVI.—De «Schola Orpheonica», el Girona. Premio. Artobjekto Temo: Laŭvola.

XVII. - De «Instituto General y Técnico», el Girona. Premio: 50 ptoj. Temo: Radikoj greko-latinaj kiujn enhavas la Esperanta vortaro.

XVIII.—De la Komerca Ĉambro de Girona. Premio: 25 ptoj. Temo: Laŭvola.

XIX. - De Lia Moŝto la Provincestro de Girona, Premio Artobjekto. Temo: Esperanto kiel spirita rimedo por la solvo de la internaciaj konfliktoj,

XX. De la Ekscelenca Urbestraro de Girona. Premio: 50 ptoj. Temo: Laŭvola.

Pli da eksterordinaraj premioj eble estos ankoraŭ, aljuĝotaj al laŭvolaj temoj.

Inspiron al ĉiuj por la gloro de nia Literaturo!

Eduard Kühn, *prezidanto*. D ro Josep Casanovas. Josep Grau. Teo Jung.—Julio Mangada.—Estanislau Pellicer, *sekretario*.

Barcelona, Majo, 1921.

NOTOJ

1.ª La aŭtoro de la plej bona originala versaĵo (*originala teksto I*) ricevos la volumon pri «Albrecht Dürer» eldonitan de D-ro Nuchter enhavantan 53 bildojn de la famkonata desegnisto. La aŭtoroj de la ceteraj premiitaj verkoj (*originalaj tekstoj II, tradukitaj tekstoj I, II*) ricevos binditan ekzempleron de la verko «Sinjoro Tadeo» pola epopeo de Adam Mickiewicz, majstre tradukita de Antoni Grabowski.

Krome estos donata al ĉiu laŭreato bela atesta diplomo.

2.ª Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar ordinaraj premiitaj verkoj, la Komitato aljuĝos la *Naturan Floron* kaj la rajton elekti Reĝinon de la Festo.

3.ª La verkoj prezentotaj devas esti verkitaj en Esperanto.

4.ª La Festo de la VIII.aj Floraj Ludoj okazos en Girona dum la IX.ª Kongreso de la Kataluna Esperantista Federacio la proksiman Oktobron.

5.ª Al la manuskriptoj kiuj devas esti ricevitaj antaŭ la 15.ª de Aŭgusto 1921 de la Sekretario S ro Estanislau Pellicer en la sidejo de la Kataluna Esperantista Federacio (str. Carme, 30, Barcelona)—, oni devas aldoni devizon, kaj sendi en koverto fermita, kiu portos la saman devizon, la nomon kaj adreson de la verkinto.

6.ª Manuskriptoj ne estos resendataj, eĉ se ili alvenis post la datolimo por akcepto de verkoj.

7.ª La membroj de la Juĝontaro partoprenos en neniu konkurso.

8.ª La Komitato publikigos la verdikton per «Kataluna Esperantisto» kaj per la esperantaj kaj enlandaj gazetoj kiuj bonvolos ĝin represigi.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Bilbao.** La Vaska Federacio aktive sin preparas por grave propagandi kaj reentrepreni fortan agadon por sukcese okazigi, je 1923, en Bilbao, la II.an Kongreson de Esperantistoj de Iberaj Landoj.

La Grupo Esperantista Socialista entuziasme laboradas kaj propagandas per la gazetoj de la urbo.

La Grupo Socialista de La Arboleda ankaŭ revekiĝas entuziasme.

Ĉiuj konvinkiĝis pri aktiva laboro nepre necesa. Antaŭen!



**Baracaldo.**—La 14.an de Aprilo, S-ro Lunate paroladis esperante pri nia neforges-

ebla Majstro kaj lia senmorta verko. Multenombraj samideanoj ĉeestis. La 23.an de la sama monato, okaze de la kvara jarcentfesto de la batalo de Villalar, denove S-ro Lunate paroladis pri la temo «Las Comunidades de Castilla» hispane.

La ĉi tiea samideanaro sin preparas por efectivigi dum somero gravan propagandon tra la regiono vizitante kelkajn urbojn.



**Jerez** (Cádiz).—La 5.an de ĉi tiu monato la ĉi tiea grupo ekskursis al San Fernando por propagandi. Samideano Jozefo Bueno kun aliaj atendis la grupon en la stacidomo kaj gvidis ĝin dum vizitado al Ŝipkonstruejo, Tombejo de famaj militmaristoj kaj Observatorio. Tra la stratoj kaj en kafejoj, post la tagmanĝo kaj paroladoj de S-roj Naranjo, Lafuente, Valle kaj Bueno, la ekskursantoj altiris la atenton de la publiko. Rezultato estos baldaŭa fondo de Grupo.



**Santander.**—La Grupo Juneco kunvenis ĵus por elekti novan komitaton, kiu nun konsistas al S-roj Leopoldo Andueza, Prez (reelektita); Nicasio Pelayo, Vicpr.; Antonio Cubas, Sekr., por internaj aferoj; Serapio Elvira, Sekr. por eksteraj aferoj; A. Tomás Iglesias, Kas. (reelektita); Antonio Mediavilla kaj Federico Venero, Voĉd. Ĉi tiu grupo laboras konstante kaj fervore.



## EKSTERLANDA

**Danzig.**—Kaŭze de aparta invito de filatelista unuiĝo, instruisto Max Amort el Praŭst paroladis la 28.an de Aprilo, antaŭ 50 personoj, pri «Solvo de la problemo de lingvo internacia». Poste Wladisl Kawecki konvinkis la ĉeestantaron pri praktika uzebleco de Esperanto por kolektantoj montrante kelkdekojn da alsendaĵoj ricevitaj de li dum du tagoj pere de anonco sur «Esperanto. 25 personoj tuj sin disponis ĉeesti kurson, kiun gvidos S-ro Werner Hoffmann.



**Varsovio.**—*Esperanta sukceso.*—La kvara reveno de mortotago de nia Majstro estis solenata sur la tombejo. Pro la rito de l' hebreoj en tiu de Pasko ne povis okazi speciala diservo.

Krom la familio ĉeestis grandanombro de Esperantistoj inter ili gastoj el Lodz: Samideanoj Sakowicz kaj Lejzerowicz. En la nomo de la Societo «Concordo» parolis S-ro Litauer, citante la meritojn de la Majstro.

La 21 de Aprilo okazis granda konferenco pri la temo «Scienco kaj lingvo internacia Esperanto», en la belaj salonoj de «Sala Higieniczna» aranĝis ĝin la nova fondiĝinta Societo «Concordo». Parolis P-fro Charles Richet eminenta gasto el Francujo, membro de la «Franca Akademio» kaj laureato de Premio Nobel, li parolis pri la facileco de l' lingvo Esperanto kaj Esperanto kiel internacia ligilo.

La dua parolanto estis Universitata P-fro konata lingvisto S-ro Bodouin de Courtenai pri deveno de Esperanto en XX centjaro.

Tria parolanto estis S-an Leo Belmont li parolis pri la grandaj meritoj de la Majstro D-ro Zamenhof kaj la lastaj triumfoj de Esperanto.

La salono estis plen-plena de interesuloj el plej bonaj klasoj de socia vivo kaj preskaŭ la tuta pola gazetaro. La parolantoj estis tre aplaŭdataj.

La 24-an Aprilon okazis laŭ bonkora invito de S-no Zamenhof en sia loĝejo adiaŭa vespero por S-ro Charles Richet. Ĉeestis specialaj invititaj gastoj inter ili P-fro Bodouin Courtenai, S ro Grabowski kaj delegitaro de U. E. A.



# BIBLIOGRAFIO

English-Esperanto Dictionary de Fleming Fulcher kaj Bernard Long ĵus aperis, kaj ĝi estas rimarkinda verko; estas dezirinde kaj espirinde, ke la aŭtoroj baldaŭ aperigu la Esperantan Anglan. Prezo de la libro estas 8 ŝilingoj (Sm. 4 laŭ brita valoro) afrankite. Havebla ĉe la Brita Esp. Asocio.—17 Gart street, London, W. C. 1.



Tra la Jaro-Esperanta lernolibro verkita de Lucy E. Waddy, estas tute esperanta, taŭga por ĉiulandaj komencantoj, kun kvar bildoj (Printempo-Somero- Aŭtuno-Vintro). Eldonita de J. M. Dent & Sons, LTD. strato Bedford, 10-13-London, W. C.



Amo per Proverboj estas unuakta komedio de la fama brazila verkisto Arthur Azevedo, esperantigita tre bonege de A. Couto Fernandez, Lingvokomitatano kaj Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista, kiu uzis por la verko elĉerpitajn proverbojn el «Proverbaro Esperanta de D-ro L. L. Zamenhof». La komedio estas tre interesa kaj sprita. Prezo: 3 respondkuponoj. Eldonejo: Oskar Ziegler & Co., Marktredwitz (Bavarujo).

## Al Esperantistaj Oficistoj kaj Oficistinoj

II.ª ALVOKO

On la Maja numero 1920 de ĝeneva Esperanto mi presigis alvokon pri la bezono de la Internacia Oficista Esperantista Asocio (I. O. E. A.) kunliganta ĉiofakan oficistaron komercan, industrian, bankan, k. c., por komuna agado por disvastigi en la supre nomitaj rondoj nian lingvon. Nun ricevinte multajn leterojn el diversaj landoj aprobantajn mian ideon, mi opinias, ke alvenis la tempo de la organizado de la nomita Asocio. Mi do turnas min denove al ĉiuj Samideanoj, kiuj simpatias kun la ideo, kaj deziras aliĝi al la ĵus fondiĝonta Asocio, ke ili bonvolu tuj sendi al mi siajn nomojn kaj adresojn, por ke mi povu starigi la liston de niaj anoj.

Post kelka tempo mi penos dissendi al la aliĝontaj anoj cirkuleron pri mia plua agado, kiu estas pri la interna regularo, pri elekto de ĉefreprezentantoj en ĉiuj landoj, pri nia komuna organizo, pri venontaj kunsidoj dum la Praha Kongreso, k. t. p.

*Adolfo Oberrolman*

Krak. Drzed. 10|13. Varsovio.

## NOVA TEMPO

la mezeŭropa esperanta kulturgazeto, sendependa, ankaŭ je via dispono, eliras monate. Postulu senpagan kajeron. Adreso: «Nova Tempo» str. Mollardgasse, 55. Wien. Aŭstrujo.

## AL LA VIZITONTOJ DE LA
## XIII Universala Kongreso de Esperanto
EN PRAHA, Ĉ. S. R.

21 de Jul.—6 de Aŭg. 1921.ª

La esperantistaj asocioj en Aŭstrujo sentas la agrablan devon akceli la plenan sukceson de l' solena festo de la tutmonda samideanaro kiu en ĉi tiu jaro estas aranĝata en la ĉefurbo de la najbara Bohemujo.

Wien mem, urbo la plej granda en Mezeŭropo, aranĝos nek antaŭ nek postkongreson, por ke aliaj jam projektataj samspecaj aranĝoj per tio ne estu malhelpataj. Multaj esperantistoj certe jam nun decidis veturi

al Budapest, Graz, Dresden aŭ aliloken. Sed estas sendube, ke multaj samideanoj, veturontaj el malproksimaj landoj al la kongreso en Praha, deziras tiuokaze viziti ankaŭ la vidindan kaj gastaman ĉefurbon de Aŭstrujo, la historie faman kaj nun tiel ofte—bedaŭre kun kompato—nomatan Wien-Vieno. Multaj kongresanoj eĉ devige travojaĝos kaj nepre restados ĉi tie.

La esperantistaro en Wien—Vieno estas tute konscia pri la devo, kiu koncernas la prizorgon por la bonvenontaj gastoj. Ĝi preparos ĉion, por bone akcepti ilin kaj kiel eble plej agrabligi ilian restadon en la urbo «apud la blua Danubo», kuŝanta en belega ĉirkaŭajo kaj posedanta tiom da antikvaj belartaĵoj.

Precipe la tagoj antaŭ la Universala Kongreso, la 28 kaj 29 de Julio, kaj la tagoj post ĝi, la 6-10 de Aŭgusto, estos la plej taŭgaj tiaj vizitoj. La fremdlandaj samideanoj estas do korege invitataj aranĝi siajn antaŭ aŭ postkongresan vojaĝon tiamaniere, ke ili povu restadi dum tiuj tagoj en Wien.

Kiu volas viziti nian belan hejmlandon estas petata, anonci la tagon (ev. horon) de sia alveno kiel eble plej frue, por ke la akcepta komitato povu ĝustatempe zorgi pro enloĝigo.—La certeco, ke ĉiu samideano estos ankaŭ en Wien kore kaj kontentige akceptata, povus akceli la decidon viziti la Dektrian en Praha.

Estas ankaŭ projektata komuna veturado el Wien al Praha, eventuale ankaŭ en Praha al Wien.

Dum la tagoj de alveno de gastoj estos ankaŭ en ĉiuj Wien-aj stacidomoj akcepta komitato kaj en la centro de la urbo akceptejo kaj informejo.

Samideanoj, dezirantaj viziti Wien, bonvolu tuj sciigi pri tio la subskribitan estron de la komitato.

Ĉiuj sin anoncintoj poste ricevos apartan cirkuleron kun pluaj detalaj informoj.

Ĝis revido en Wien!

Marto 1921.

Por la akceta komitato de la Esperanto-Delegitaro de Wien: *Hugo Steinhauer.*—Wien, II., Bocklinstr, 8.










Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid